2.ª Ep. AÑO VI N.º 32 (168) JULIO-AGOSTO 1968

# Boletin

DE LA FEDERACION ... OLA DE ESPERANTO

## MADRID ... ONGRES ... R 1968



En ĉi tiu bela avenuo situas «Palacio de la Música» kie okazos la solena inaŭguro de la 53ª Universala Kongreso de Esperanto

BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Str. Torre Nueva, 30, 1.º ZARAGOZA
Redacción y Administración:
Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
Director: Domingo Martínez Benavente.

ADRESOJ

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendojojn pri statistiko
kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## De secretaría

Kiel vi ĉiuj rememoros en la pasintjara Ĝenerala Kunveno de H.E.F., laŭ propono de kelkaj esperantistoj, oni decidis ke la HISPANA ESPERANTO KONGRESO okazonta en 1969, okazu en Tenerife. La decido devis esti konfirmita de la Estraro de la Esperanto Societo de Tenerife, tial ke por niaj kaj samideanoj, kiuj partoprenis la Ĝeneralan Kunvenon estis vera surprizo la propono.

Nun ni konsideras oportuna la momento, komuniki al ĉiuj federacianoj ke la Estraro de H.E.F. ricevis de la Estraro de Esperanto Societo de Tenerife ESTO, ne nur konsento pri la decido de la Generala Kunveno, sed afablan inviton por okazigi la 29-an HISPANAN ESPERANTO KONGRESON en La Laguna (Tenerife).

Granda estas la entuziasmo reganta inter niaj insulanaj samideanoj, ilia kapablo kaj prestiĝo de ĉiuj estas konataj. Do, ni ataŭvidas plej sukcesan 29-an HISPANAN ESPERANTO-KONGRESON.

Ĉijare en Madrid, ni povos adiaŭi niajn samideanojn per jena frazo:

ĜIS REVIDO EN LA LAGUNA!!!

De la 16.ª julio ĝis la 30ª septembro la Sekretariejo de H.E.F. estos «oficiale» fermita, kion ni komunikas al ĉiuj, pro ebla prokrasto respondi la leterojn alvenintajn dum tiu tempo.

Inés GASTON

ADRESŜANĜO

H. E. F. A. ŝanĝis adreson.
De nun ĝia Sekretariejo estas en:
str. Ronda de San Antonio, 46-50, 2.º, dra.

BARCELONA (11)

SENDU JAM:

| | |
|---|---|
| ...lajn glumarkojn de la 53-a U.K., folio 10 glm. ... | 8,— ptojn. |
| ...ajn glumarkojn de la Jaro de Homaj Rajtoj, folio 10 glm. ... | 10,— » |
| ...urkolorajn bildkartojn «Nia Sinjorino de la Espero», unu ekz. ... | 3,— » |
| ...dkartojn «Patro nia» unu ekz. ... | 2,— » |
| ...ŝtkartojn kun Esperanto-alegorio, deko ... | 6,— » |
| ...signojn (rondaj kaj stelformaj, pinglaj kaj butonaj), unu ... | 8,— » |
| ...signojn kun teksto Esperanto parolata (pinglaj) ... | 35,— » |
| ...iŝetojn kun teksto Esperanto parolata (glueblaj) ... | 14,— » |
| ...signojn ovalajn, rondajn kaj stelformajn (glueblaj), unu ... | 8,— » |

# AKCEPTO

Vi, frato alveninta de malproksima tero,
en nia varma hejmo, ripozu post la ven'.

Al vi la patra seĝo kaj ora la vinbero!
la glaso de la festoj, kaj nia frata ben'!,
Vi, frato alveninta de malproksima tero,
en nia varma hejmo, ripozu post la ven'.

—o—

Por vi varmigis fruktojn la Suno dum somero;
por vi ni gardas vinon pli ruĝan ol ruben',
kaj por ke via kapo dormadu sen danĝero,
la frata brako nia fariĝos la kusen'.

Vi, frato alveninta de malproksima tero,
en nia varma hejmo, ripozu post la ven'.

—o—

Vi ŝmiris vian frunton per amo kaj per vero;
neniam vin lacigis la refratiga pen'.
Vi portas sur la koro la signon de l' Espero.

Vi, frato alveninta de malproksima tero,
en nia varma hejmo, ripozu post la ven'.

*Frederic Pujulà*

# INTERESAJ SCIIGOJ POR LA VIZITANTOJ DE NIA LANDO

Car ni bone scias ke preskaŭ ĉiuj niaj eksterlandaj samideanoj, antaŭ aŭ post la Kongreso, intencas viziti kelkajn hispanajn urbojn, ni konsideras interesa konigi al ili, ion, pri restoracioj kaj manĝokafejoj (cafeterias) en nia lando.

La restoracioj dividiĝas laŭ kvin kategorioj: Luksa, unua, dua, tria kaj kvara; kaj oni fiksas kiel klara internacia lingvo por ĉiuj, nekonfuzeblajn kaj samtempe spritajn signojn.

La restoracioj, sur videbla ekstera loko, metas vertikale fiksitan nombron da forketoj: Ju pli da forketoj des pli alta kategorio kaj prezo. Nome: la luksaj restoracioj montros kvin forketojn; tiuj de la unua klaso, kvar; tiuj de la dua, tri; tiuj de la tria, du; kaj tiuj de la kvara, unu. Tiamaniere konfuzo ne povas okazi.

Samaj signoj aperos ĉe la kartoj kaj menuoj kaj, kompreneble, ĉe la fakturoj. Ĉi lastaj devas esti redaktataj hispanlingve nur en la restoracioj de tria aŭ kvara kategorio; kaj en la hispana, franca kaj angla lingvoj en restoracioj de luksa, unua aŭ dua kategorio.

La klientoj rajtas peti ĉu manĝaĵojn «laŭ karto», ĉu menuojn de la «firmo» aŭ «turismajn». En la unua okazo, la karto enhavos ĉiujn artikolojn posedatajn de la firmo, kun la koncernaj prezoj. La restoracioj, laŭ ĝia kategorio, devas prethavi tiajn kartajn manĝaĵojn.

En la vinkarto devas aperi la komunaj blanka kaj ruĝa landaj vinoj; kaj la luksaj kaj unuakategoriaj restoracioj devas ankaŭ prethavi trinkaĵojn de internacia agnoskita prestiĝo.

La «firmaj menuoj» konsistas el manĝaĵoj de la karto; kaj ĝia prezo devas inkluzivi la vinon kaj la panon.

Oni ne devas konfuzi la «turisman menuon» kun «menuo por malriĉuloj»; la unua estas simple menuo protektata far la aŭtoritato; kaj ĝin aranĝas la kliento per manĝaĵoj el la karto, laŭ sistemo prezentita de la restoracio mem; ĉiam sur la bazo de tri manĝaĵoj, pano kaj vino.

La prezoj de la «turisma menuo» ne superos sekvantajn plej altajn prezojn: Ĉe luksaj restoracioj, ducent kvindek pesetojn; ĉe unuaklasaj, cent sesdek kvin; ĉe duaklasaj, cent kvardek; ĉe triaklasaj, naŭdek; kaj ĉe kvarklasaj, kvindek pesetojn.

La manĝokafejoj klasiĝas je speciala, unua aŭ dua kategorio. En tiuj la signoj, anstataŭ forketoj estas tasoj.

En tiuj de speciala aŭ unua kategorio, la karto aperos en hispana, angla kaj franca lingvoj. En ĉiuj manĝokafejoj ekzistos ankaŭ kombinaj, laŭ karto, manĝaĵoj kaj «turisma kombinaĵo»; la prezoj de la unuaj estos liberaj kaj tiuj de la turisma ne superos la okdek pesetojn en la speciala kaj unuaklasaj; kaj la kvidenk pesetojn en la duaklasaj manĝokafejoj Kutime. oni ne liveras fakturon ĉe la manĝokafejoj.

Speciala poŝtstampo okaze de la 53a Universala Kongreso de Esperanto

Unu pluran fojon Hispana Esperanto Federacio, devas danki al la Generala Direkcio de la Poŝto kaj Telekomunikado, la starigon de speciala poŝtoficejo dum la Kongreso kun memoriga poŝtstampo okaze de niaj Kongresoj. Ĉijare la Kongreso ne estos nacia, sed universala, tial malgraŭ la tiel maloportuna dato por tiuj permesoj, dum kiu la Kongreso okazos, la Estraro de H.E.F. ne dubis peti ĝin kaj hondiaŭ ni povas sciigi al vi ĉiuj ke dum la Kongreso funkcios en la Palaco de la Sindikatoj speciala poŝtoficejo kun memoriga poŝtstampo okaze de la

53a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO



# Homoj kaj faktoj

## Sro. D. Luis de Otaola y Faón

*Dum multaj jaroj S-ro. Otaola gvidas la Grupon Esperantistan de Bilbao.*

*Li estas unuaranga esperantisto, senĉesa batalanto pro la antaŭenpuŝo de la lingvo kaj ... kaj personoj el superaj humanaj kvalitoj.*

*Por paroli pri la vivado de esperanto-grupoj en nia lando, ni alvenis al lia longa sperto.*

*Tre afable li respondas niajn demandojn por HOMOJ KAJ FAKTOJ.*

—S-ro Otaola: kiel statas Esperanto en Bilbao nuntempe?

Certe ne en la plej malfavoraj cirkonstancoj, malgraŭ la ĝenerala malŝato de idealismoj kaj la ĝeneralaj opinioj de «tuja profito», disvantigitaj, ne nur inter la gejunularo, sed ankaŭ inter la gepliaĝularo.

— Ĉu la Bilbao-a Esperanto-Grupo havas viglan vivon?

Ne tiel vigle, bedaŭrinde, kiel dum la jam delonge forpasintaj antaŭmilitaj tempoj (mi rilatas la duan tutmondan militon, kaj ankaŭ la unuan, okazintan inter 1.914[a] kaj 1.918[a] jaroj). Tamen, post kelkjara stagnado, oni rimarkas ĉi-jare ioman kreskantan intereson inter la raraj bilbao-aj gejunuloj iomete idealistaj kaj kiuj kuraĝas pensi per si mem.

—Kiuj estas, laŭ via longjara sperto, la nepraj bazoj por starigi kaj funkciigi, en Bilbao aŭ aliloke, prosperan Esperanto-Grupon?

—Se ni devas nepre atenti pri la vorto «prospera» — laŭ la hispana signifo — mi tuj dirus ke ni ankaŭ nepre bezonas «pli multe da mono» por havi pli komfortan kaj ampleksan sidejon, tiamaniere ke ni povu instali kaj funkciigi en ĝi, bonan hejtadon (mi rilatas nun nur la Bilbaoan Esperanto-Grupon) kiu nun preskaŭ mankas. Ekzemple: servado je manĝaĵoj kaj trinkaĵoj je moderaj prezoj.

Sed se ni devas celi vere viglan esperanto-movadon en nia Grupo kun alta lingva nivelo kaj ampleksaj idealoj, tiam... ni devas atendi ĝis kiam pli idealista kaj mempensanta gejunularo alvenos... ĉu eble post kelkaj generacioj? La nuntempa gejunularo, nur pensanta pri kvinielista kaj trinkeja sporto, pri modernaj kaj tuj forpasontaj kanzonoj, pri laŭmoda hararanĝo kun tro longa kaphararo kaj ankaŭ tro malalta vanghararo, la ofta kaj ne bezonata uzado je pantalonoj al kiuj emas la ĝenerale malplencerba juna virinaro, kies avideco por tute modernaj filmprezentadoj, kun ne ĉiam modelaj kaj moralaj elmontroj de vivado, tute plenigas tiajn malfortajn cerbojn, ne lasante ioman loketon al pli altnivelaj idealoj... Tia gejunularo certe ne alvenos en nian Grupejon.

—Kiuj devas esti la ĉefaj aktivecoj de bone organizita Esperanto-Klubo?

—Unue: kursoj por komencantoj kaj progresintoj. — Due: almenaŭ UNU ĉiusemajna kunsido pritraktonta ĝeneralajn temojn NUR EN ESPERANTO. — Trie: Promenataj paroladoj dum dimanĉoj kaj festotagoj, aŭ kiel eble plej oftaj tuttagaj ekskursoj ĉiam kiam la bela vetero tion permesos.

—Kiuj devas esti la ecoj de la estraranoj por havi bone funkciantan Klubon?

—Unue —laŭ mi— nelacigebla kaj neelĉerpebla entuziasmo kaj fido je la

fiinfina triumfo de nia ideo de neútrale-homa internacia lingvo kun ĝiaj pacemaj kaj progresemaj logikaj sekvoj Due. — Ankaŭ neelĉerpebla persistemo dum jaroj kaj jaroj da senlaca, senripoza, sendanka kaj senprofita laboremeco por niaj idealoj.

—Dankoj, S-ro. Prezidanto. Ni nun pasu al tute alia afero. Ni observas en nia lando grandegan kreskadon en la studado de lingvoj. Ĉu la lernado de Esperanto kreskas sammezure?

—NE!! Bedaŭrinde, la emo al lernado de Esperanto ne kreskas sammezure kiel la emo al lernado de la t. n. «modernaj» lingvoj angla, franca, germana, itala kaj rusa. Estas iom stranga fenomeno ke, nia gejunularo ĉiam kun pli kaj pli granda entuziasmo sin dediĉas al la lernado... «ĝuste» de la «angla lingvo», la plej neperfekta — laŭ mi — el la modernaj lingvoj, rilate fonetikon kaj, pro tio, ne ĉiam taŭga por klara kaj tuj komprenota radioelsendado.

Ne preterlasebla fakto tamen estas ke ne ĉiuj kiuj komencas la lernadon de la angla lingvo finas tian lernadon. La plej granda plimulto ĉiam forlasas la tedan kaj lacigan studadon... kaj restas nur kun la malgranda fiero elparoli pli-malpli korekte, aŭ pli-malpli fonetike kelkajn anglajn aŭ usonajn familinomojn, kaj eldiri ankaŭ pli-malpli malperfekte kelkajn anglajn aŭ usonanglajn frazojn.

Tamen, la emo fariĝi «cipajoj» de l' angla lingvo ĉiam daŭradas inter la hispana gejunularo kaj ĉiujare estas miloj kaj miloj da hispanaj gejunuloj kiuj ekkomencas la kursojn pri la angla lingvo... sed ankaŭ ĉiam restas survoje milojn kaj milojn da ili kun tute neperfektaj scioj de tiu lingvo. Nur malgranda nombro da elektitoj sukcesas akiri sufiĉajn konojn de la lingvo kaj vojaĝi dum unu, du aŭ tri monatojn en Anglujon por... daŭrigi la lernadon de la angla lingvo ĉe ilia reveno en Hispanujon. Klarajn ekzemplojn pri tio kion mi ĵus diris, mi havas ĉiam ĉirkaŭ mia persono.

Do, la kialo ke la emo al la lernado de Esperanto tute ne kreskas sammezure kiel la emo al la lernado de angla, franca, germana, itala aŭ rusa lingvoj estas nur la obtuza, bruta, persista materialismo kaj profitemo en kiu ni dronas, jam de multaj jaroj, kaj la preskaŭ absoluta manko da idealismo ĉe ni.

—Kaj nun, pri la Universala Kongreso. Kiel vi rigardas l' aferon ĝenerale? (Kongreso de TEJO, en TARRAGONA, Postkongreso en ZARAGOZA, Geografa Semajno en BILBAO).

—Mi antaŭprofetis la kvinan milon da gepartoprenantoj al la 53ª Universala Esperanto-Kongreso. Sed tio okazis jam antaŭ dek monatoj, proksimume. Nun, kiam mi konstatis ke la kongreskotizo estas tro alta, almenaŭ por gehispanoj, kaj mi povis noti ke ĉe la fino de l' jam forpasinta jaro estis nur ĉirkaŭ 225 hispanaj gealiĝintoj, mi devis korekti miajn tro optimistajn kalkulojn. Do, mi diras nun ke se ni atingas la DUAN milon, ni jam povus resti kontentaj. Krom la troa alteco de la kongreskotizo, mi rimarkigas ke oni komencis iom tro malfrue la veran propagandon pri la Kongreso.

Pri la Kongreso de TEJO, mi havas grandajn kaj bonaŭgurajn esperojn. Mi nur bedaŭras ke mi mem ne povos partopreni en ĝi, ne nur pro mia jam — bedaŭrinde!— tro alta aĝo, sed ĉefe pro la fizika neebleco esti en du-tri-kvar lokoj samtempe. Sed mi kuraĝas supozi ke tia Kongreso forte antaŭenpuŝos la Esperanto-Movadon, ĉefe en Katalunujo, kie jam ekzistas nun burĝonanta Junulara Esperanto-Movado.

Rilate la Postkongreson en ZARAGOZA, mi ne rajtas dubi ke ĝi estos plensukcesa, dank' al la prestiĝo kaj organizemo de D-ro. Sancho-Izquierdo, de F-inoj. Gastón, kaj de gesinjoroj Ortiz, Escartín, Maynar, Berges, Lapuerta, Máñez, Lapuente, kaj ceteraj bonaj Zaragozaj gesamideanoj.

Kaj, finfine, pri la okazigo de la Internacia Geografa Semajno en BILBAO, mi povas diri nun ke ni laboras. Rilate tiun-ĉi Semajnon estas antiŭvideblaj DU tuttagaj ekskursoj: unu al SANTANDER, kun vizitoj al la GROTOJ DE ALTAMIRA, apud SANTILLANA DEL MAR, kaj alia ekskurso al GERNIKA, la antikva «forala» ĉefurbo de BIZKAJA, kun vizitoj al la GROTOJ DE SANTIMAMIÑE, en la apuda vilaĝo KORTEZUBI. Krom tio, estos vizitataj, la Antikva Vaska Konsilantaro, la ampleksa Manpilkludejo kaj la apudmaraj urbetoj MUNDAKA, BERMEO, BAKIO, Insuleto GAZTELUGATXE, ANTIKVA ROMA ERMITEJO SANKTA PELAJO, kaj eble aliaj apudmaraj lokoj kiel ARMINZA, PLENCIA, BARRIKA, ALGORTA kaj dekstra flanko de la rivero Nervión.

—Unu el la celoj de la Universalaj Kongresoj de Esperanto estas veki aŭ pligrandigi la intereson pri Esperanto inter la popoloj kie ili okazas. Ĉu ni atingos tiun intereson en Hispanio?

—Mi tre dubas pri tio ĉar nuntempe regas, kiel estas jam dirite, la profitemo kaj monavido. Tamen, ĉiam oni povas esperi ke kelkaj idealistoj — se ili ankoraŭ ekzistas — aŭ malsukcesintoj pri la lernado de la angla, franca, germana, rusa aŭ itala lingvoj konsideru interesan lernobjekton la lernadon de ESPERANTO... nur se ili disponas pri la necesa tempo por tia studado.

—Kiel vi vidas la estantecon de Esperanto en Hispanio?

—La estanteco de Esperanto en Hispanio estas ne kontentiga, se ni rilatas al la jam cititaj forpasintaj tempoj, kiam vigla entuziasmo por tiu aŭ alia idealo brilis inter la hispana gejunularo. Eble oni povus escepti nun la universitatan gejunularon, sed... mi ne estas kompetenta projuĝi tion, ĉar, bedaŭrinde, mi ne havas rilatojn en tiaj medioj.

—Kaj ĝian estontecon?

—Ni bezonas, unuavice, pli grandan unuecon inter la hispana esperantistaro. Nia movado tute ne estas forta en nia lando kaj se ni elverŝas kaj malprofitas niajn fortojn batalante unuj kontraŭ la aliajn, ĉu kaŝe kaj subtile, ĉu plenvoĉe kaj libere, ni atingos nenion! Ĝuste nuntempe ni havas la plej bonan ŝancon okaze de la jam baldaŭ okazonta 53a Universala Kongreso de Esperanto! Mi esperas ke niaj esperantistaj geaŭtoritatuloj penos labori ĉe la Ministerio de Edukado kaj Scienco por enkonduki iel Esperanton, ĉu en la Unuagradajn Lernejojn, ĉu en la Duagradajn, ĉu en la Universitato mem.



## KLARIGO

En la Jarlibro de U.E.A., 1968, UNUA PARTO, paĝ. 56, aperas erara kaj samtempe erariga informo rilate al Hispanujo.

La nomata Hispana Esperanto Muzeo, NE estas Institucio aligita al Hispana Esperanto Federacio. Ĝi estas grava privata kolekto, al kiu ĝia posedanto S-ro Hernández Izal, deziris doni tiun nomon.

Hispana Esperanto Federacio —bedaŭrinde— ĝis nun ne havas sufiĉe grandan kolekton por ke ĝi estu enskribita kiel Institucio.

Biblioteko de H.E.F. —kvankam modesta— ekzistas,kaj ĝi estas je la dispono de la federacianoj, en la sidejo de HISPANA ESPERANTO FEDERACIO.

Ni ne komprenas kiamaniere povis alveni —por publikigo— al U.E.A. tiun informon; sed ankoraŭ malpli ni komprenas ke U.E.A. diskonigu ĝin al la tuta mondo, sen esti rajtigita de Hispana Esperanto Federacio.

Kion opinius la gvidantoj de U.E.A., se ni, en BOLETIN —kiu NE estas universala informilo— informus erarige pri la Universala Asocio ĉar ni konas tiujn informojn pere de «onidiroj»?

---

*PLENA ILUSTRITA VORTARO DE ESPERANTO*

Tiu impona verko de Prof. G. Waringhien, Prezidanto de la Akademio de Esperanto, unike prestiĝa por nia lingvo, estas jam manuskripte preta kaj aperos se almenaŭ du mil personoj promesos ĝin aĉeti. La volumo en formato 14 x 19,5, 1.584 paĝa, kun ilustraĵoj ampleksantaj 10-12 kompletajn paĝojn kostos proksimume 276 steloj (1.380 ptoj.).

Petu ĝin tuj poŝtkarte al la LIBROSERVO DE H.E.F. ĉe Inés Gastón (P.º Marina Moreno, 35, 4.º - ZARAGOZA) kiu jam mendis ekzempleron por vi.

# LA PILGRIMADO DE LA ROSO DEVENAS DE TRADICIO DE LA XVª JARCENTO

*La skulptaĵo de la Virgulino aperis sur arba trunko al ĉasisto. La pilgrimantoj iras ĉiujare al la kapelo rememoriganta tiun okazon. Per kantoj, dancoj kaj preĝoj la Seviljanoj vojaĝas dum tri tagoj en belaspektaj ĉaroj.*

*Enrique CUBILES*

Rakontas la tradicio ke en la XVª jarcento Ĉasisto, kiu ekzercadis tiun nobelan sporton tra Sevilja provinco, vidis ke sia hundo eniris en arbetaron, ŝtreĉa la buŝego kaj atenta la rigardo. Iomete poste, la hundo boje ekkriis altirante la atenton de sia mastro. Kiam li alvenis apud la besto li mirigata vidis belegan skulptaĵon kovritan per verdablanka tuniko, kiu sin apogis sur arba trunko. Apud ĝi la hundo gardestaris. La ĉasisto genufleksis antaŭ la skulptaĵo de la Dipatrino kaj volis ĝin kunporti por doni kulton al ĝi en pli taŭga loko. La skulptaĵo tamen revenis al la loko kiu estis kvazaŭ piedestalo. Mirigata, la viro kuris al la apuda vilaĝo Almonte, kie li postulis la kunvenon de loĝantoj kaj pastroj. Alveninte al la loko de la mirindaĵo, ĉiuj partoprenis en la unuaj surprizo kaj emocio, ĉar la Dipatrino restis en sia humila ŝirmilo. Post kelka tempo oni konstruis ĝuste kapeleton kiel danka fakto. Oni alnomis la Dipatrinon «Virgulino de la Rocinas» (nomo de tieaj proksimaĵoj) kaj poste ŝi estas nomata «de la Roso».

*Mondfama pilgrimo.* Laŭe de tiu bela Historio, la gaja superfluanta animo de la Andaluciano muntis tipan pilgrimon, kies akurata solenigo dum la monato Majo trapasas landlimojn pro ĝia populareco. Ĉar, se Hispanujo estas lando de belegaj tradicioj produktantaj preskaŭ ĉiam kredocertigon kaj eksplodojn de brua malkvieto, neniu atingas la guston, la tipismon de la miljaraj pilgrimoj, tiel oftaj kaj variaj kiel la pejzaĵo kaj el ili eble neniu kiel tiu de «La Roso» kompendio de «salo» de religiemo, de popola arto kaj tenereco.

Sinteze, la pilgrimo estas la supreniro al la kapelo, en ĉaretoj aŭ brilantaj ĉevalidoj, por peti antaŭ la Virgulino aron da favoroj aŭ por ŝin danki pro la sukceso de la petitaĵoj. Festo en kiu estas nedisigeblaj partoj la procesio de «la Blanka Kolombino» (tiel oni alnomas karese la Virgulinon) kaj la tipeco de la dancoj kiuj resumas la entenon de la pilgrimo. La reveno estas, ankaŭ, kaŭzo de ĝojo, de esprimo de la riĉa Andalucia folkloro.



♦

Oni ne povas, tamen, konsideri la feston, el ĝia skemo, ĝi postulas atenton por ĉiuj el ĝiaj variaj aspektoj. Car ĉiuj el ili konformigas la karakteron de siaj pilgrimantoj, el la jubila preparo de vestoj kaj de veturiloj, tasko de la knabinoj, ĝis la gracia akcento de la kantstrofoj, kies versaĵoj alpendiĝas en la Andalucia helbluo kvazaŭ naivaj flatfrazoj al la Sinjorino:

Virgulin' de la Roso,
Blank-kolombino
Kiu en ŝia nesto
Gardus l' animon!

Ĉio eĉ trapasante la ekmovojn de memamo de la ĵaluzaj pilgrimantoj — pilgrimantoj de Triana-kvartalo, de San Lucar de Barrameda, de Coria del Rio, de Moguer, de San Juan del Puerto... Kiuj grupigitaj laŭ Fratularoj, klopodas esti la plej bonaj la plej belvide vestitaj, la plej bonaj flirtrajdantoj sur la seloj, la plej firmaj en la kredo ankaŭ.

*Tritaga vojirado.* La pilgrimantaro malrapide iras. Ĉaretoj kovrataj per blankaj tolombrigiloj, girlandoj kaj kariofiloj, harbrilaj ĉevaletoj, punktostelaroj sur la indienoj de la pilgrimantinetoj Inter rido kaj spritaĵoj, salo kaj pipro oni iras la vojon. Ankaŭ inter la rigardoj de la enamigataj. Rigardoj kiuj fariĝas serioza kanto:

La ĉaro kaj la bovoj
estas de l' patro:
La kondukanto, mia.
Dio lin gardu.
Ĉe l' kapeleto
Mi diros kiel ŝatas
mia bruneto.



Tri tagojn bezonas la karavano por alveni al la kapelo. Vesperiĝe, dum oni preparas la vespermanĝon apud la ĉaretoj, okazos dancoj per «Seviljanas», la sola danco permesata dum la pilgrimado. Ektagiĝe, la «Salve» malrapida, profunda, preĝata pli per la koro oi per la lipoj.

Rivero da kolportistoj, da kuriozaj homojn svarmas apud la Rosa Kapelo ambaŭflanke de la karavano. Tie la jubilo, la krioj, la koloro, la flagoj, la rubandoj de la hararanĝoj:

En la kampo de l' Roso
ni ĵus envenas
Virgulin' kun l' Infano
ja nin atendas.

Raketo ŝiras la vesperon kaj anoncas la alvenon, unu post alia, de la fratularoj. Dum la nokto, jam tiel malproksima, neniu dormos. Gitaroj, kantoj kaj preĝoj subtenas la horojn per nokturno, kiu fariĝas tro mallonga.

*La granda festo.* La granda festo komencas tre frumatene. Diservoj por la bona komenco. Poste la donado de la oferoj, kiu eternigas miraklajn faktojn. Salutoj al la Dipatrino poste. Plaúdado, tamburinoj kaj kastanjetoj diras al la Sinjorino tiom, kiom, foje, la vortoj ne atingus diri. Dume, kvazaú bona funda muziko, ŝiratai gitaroj, seriozeco de la «Granda Kanto» la nura kaj vera.

La horoj pasas kaj ankaú la festo. Jam la Virgulino iris procesie, meze de sinceraj aklamoj. La ĉaretoj iomete nostalgiaj ornamante sian marŝadon reiras al Triana, al Moguer, al Sanlucar. Iu kantas kiel la «lulkantistino» de Juan Ramón:

Virgulin' de la Roso
Restas tutsola
Meze de l' marmarĉaro
Laú paŝtistino.

Kaj, kiam oni eniras la tutmonde faman kvartalon, kie la homoj ariĝas por bonvenigi la pilgrimantojn, la jubilo renoviĝas antaú la ornamitaj domoj, la lumo de la artfajraĵoj, la vivaoj kaj la aklamoj. Ŝprucas el la gorĝoj unusone emocia «Vivu la Virgulino de la Roso». Kaj la brunaj knabinoj kun mil punktoj en siaj indienoj malsupren iras el ĉaretoj, feliĉaj kaj babilemaj. Kaj ili interpromesas kun la beltaliaj pilgrimantoj reiri venontjare apud la Sinjorino, tien, en la Rosan Kapeleton.

El hispana trad.
Amalia NUÑEZ DUBUS.

---

## 60° DATREVENO DE U.E.A.

Por ĉiuj internaciaj movadoj estas necesa asocio, por kunigi ĉies fortojn kaj plej bone sukcesi.

UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO estas tia asocio por ni, esperantistoj. Atingi la sesdekan datrevenon de senĉesa, senlaca agado, pruvas la efikon kaj seriozecon de ĝia laboro, sed ankaŭ pruvas ke la Asocio ĉiam havis kapablajn, prestiĝajn homojn por regi ĝin.

Por ĉiuj forpasintoj nian respektplenan rememoron!

Por nia nuntempa Prezidanto la certigon de nia dankemo kaj konfido! kaj

Por U.E.A., nian gratulon ĉar sciis elekti Prezidanton, kiu —kiel jam dirite— prestiĝas la Asocion!

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
velkantajn foliojn deŝiras,
ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
ni forton pli freŝan akiras.
Ne mortos jam nia bravega anaro,
ĝin jam ne timigos la vento, nek staro,
obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
al cel' unu fojon signita!

............

Si larga sequía o vientos helados
desgarran las hojas que el tiempo mató,
al viento elevamos plegarias, y aunados,
vamos adelante, ya purificados,
con fuerzas más frescas que el viento nos dio.
Nada romper puede nuestra brava unión,
y a temer no debe viento ni inacción.
Obstinadamente se aleja del mal,
ya temer no debe viento ni inacción.
siguiendo las huellas de un santo ideal...

(*«La Vojo», L. L. Zamenhof*)



## OMAĜO AL NIA EMINENTA PREZIDANTO, PROF. DRO. MIGUEL SANCHO IZQUIERDO

**FRATECO**, la veterana Esperanto-Societo de Zaragoza, decidis antaŭtempe omaĝi al ĝia Prezidanto D-ro Sancho Izquierdo, okaze de la 60-a datreveno de la fondo de la Societo. Tial ke D-ro Sancho-Izquierdo, estas, ne nur Prezidanto de FRATECO, sed ankaŭ de HISPANA ESPERANTO FEDERACIO, multaj hispanaj esperantistoj —ne zaragozanoj— petis ke oni komuniku al ili la daton dum kiu okazos la omaĝo, por partopreni ĝin kaj tiamaniere elmontri al nia kara Prezidanto ilian respekton, simpation kaj dankemon.

Tiu estas la kaŭzo pro kiu FRATECO decidis okazigi «Fratecan Vespermanĝon» omaĝe al D-ro Sancho-Izquierdo en Madrid la 9-an de aŭgusto ĉijara.

Al ĉiuj simpatiantoj, kiuj deziros sin aliĝi al la Omaĝo al nia Prezidanto, informos S-ro Víctor Ortiz, Blancas, 2, 6.° - ZARAGOZA.

## TRINKU NI TEON!

*Samideano:*
*Trinku ni teon*
*Je via sano!*

De antaŭ multaj jaroj mi kutimas trinki tason da teo ĉiuvespere, kiam la Suno adiaŭas nin k la elektraj lampoj lumigas k longigas nian laboron. Certe la petrollampo, la bekolampo por oleo k la kandelo faris la samon antaŭe, kiel estis tagoj de nia infaneco; sed ĉio estas artefaritaĵo k la progreso donis al ni tiun elektran lumon, kiu kuregas en nian ĉambron k metas sin je nia dispono.

Dum la tetrinko ni ripozas. La teo refortigas nin, ĝi estis medicino, kiel estis ĝia unua celo; poste ĝi devenis trinkaĵo por amikaj aŭ familiaj kunsidoj; poste ĝi suprensaltis al la regiono de l' poezio —kio okazis en Ĉinio dum la 8-a jarcento dum la 15-a ĝi evoluis en filozofian k religian ideon.

Ni volas kunigi la tri ideojn: trinku ni ĉi tiun aroman akvon (k akvo estas sendube la plej utila trinkaĵo kreita de Dio); estu ĝi medicino por nia korpo k fariĝu nia teo poezio k intereso de nia Kongreso kiel neforgesebla rememoro, ĉar ĝi meditigos nin pri nia ideo de paco k amo al homaro.

Ni do forĵetu la egoismon k dediĉu nian vivon —konstanta miraklo de Dio— al niaj proksimuloj. Konsideru kiel malgranda estas la taso de homa ĝuo k ne forgesu ni la finon de nia vivo.

Mi respektas la ideojn de ĉinoj k japanoj pri teo, kavankam oni povus simile apliki ilin al ĉiu dia kreitaĵo, kondiĉe ke oni ne vidu en ĝi la kaŭzon de l' kaŭzoj, sed efekton de senlima ĉioscio de Dio. Tiel povas la tuta homaro renkontiĝi en la tetaso. Ĉie oni akceptis la teon kiel bona trinkaĵo por fondi k fortikigi la amikecon.

Samideanoj:

Trinku da teo ni tason
se plaĉas al ni la teismo,
Aŭ trinku da vino glason;
sed ĵetu for egoismon.

*Felikso Diez Mateo*

# AUDIENCIA EN EL PARDO



*El 19 de junio, S. E. el Jefe del Estado Español, Generalísimo Franco, Presidente de Honor del LIII Congreso Universal de Esperanto, recibió en Audiencia especial al Comité organizador de dicho Congreso, acompañado por el Ilmo. Sr. Director General de Cultura Popular y Espectáculo, D. Carlos Robles Piquer, y presidido por su Presidente, Dr. Sancho Izquierdo, quien pronunció las palabras siguientes:*

«Hemos querido venir, Señor, ante todo, para agradecer a V. E. el alto honor que nos hizo aceptando la Presidencia de Honor de este LIII Congreso Universal de Esperanto.

Hubiéramos querido venir cuando, más tarde, se nos incorporaran los miembros directivos de la Asociación Universal de Esperanto a la que corresponde la organización de estos Congresos y en cuya representación actuamos; pero, el pensar que, luego, las imperiosas vacaciones del verano, en el centro del cual, por ello mismo, para facilitar a todos su desplazamiento, se celebra el Congreso, no nos lo hacía posible, hemos querido venir antes, para, a la vez que agradecemos a V. E. el honor a que antes aludimos, deciros brevemente el porqué y para qué de este Congreso.

Es grande el paréntesis que en España se abriera desde aquel lejano 5.° Congreso Universal de Esperanto celebrado en Barcelona, bajo la Presidencia de Honor de S. M. Alfonso XIII, y del cual quedamos ya pocos testigos, y por ello, era grande también el deseo de los esperantistas españoles, por que de nuevo, se reunieran en esta España, en paz y en orden, compañeros suyos venidos de diversos países. Son éstos ya 37 y más de 1.500 los congresistas inscritos.

Nos mueve, Señor, a esta labor y a estas reuniones que, año tras año, se celebran, no la que sería ridícula y utópica pretensión de sustituir los diversos idiomas por uno común internacional, sino sencillamente el dotar a todas las gentes de un instrumento de facilísimo manejo, cual es el ESPERANTO, para disponer de él, al lado del propio idioma, en las relaciones internacionales, más frecuentes cada día; un idioma auxiliar y, además, neutral, a cuyo través no pueden verse deseos de ningún país de imponer el suyo.

Pero, a la vez, Señor, nos mueven ideales de amor y de paz entre los hombres; los ideales que llevaron al inventor de este idioma a componerlo, para que los hombres, entendiéndose, más fácilmente pudieran amarse; los ideales que laten en los escritos del mismo, tal en la poseía que compuso y a la que se puso música para constituir nuestro Himno, en la que se ofrece este bello sentimiento como una promesa de paz y de armonía a un mundo en guerra. Entonces, como ahora.

Amantes de la paz, pero de una paz basada en el amor y en la comprensión entre los hombres, serán los que en los primeros días de agosto se reunirán aquí, en Madrid, para escuchar interesantes conferencias dadas por hombres de ciencia de diversos países en las que no habrá necesidad de traductores; para hacer balance de nuestra labor; también para admirar los monumentos, no sólo de Madrid, sino también de otros lugares y los bellos paisajes que España encierra, mediante excursiones cuidadosamente preparadas.

Hubiéramos querido traeros, Señor, la insignia del Congreso que a tal fin están troquelando en oro; pero no están terminadas las medallas. En cuanto esté, os la haremos llegar. En dicha insignia, como en los sellos y estampillas, destacan las figuras de D. Quijote y Sancho que se alzan en la Plaza de España. Sí; quizá seamos los esperantistas un poco quijotes; quijotes en aquel noble afán que impulsaba al hidalgo manchego a desfacer entuertos. Pero no soñadores que no ven la realidad, sino que al verla no como ellos entienden que debiera ser, luchan por elevarla y dignificarla. Con los pies en la tierra, pero con la frente alta mirando al cielo.

Por ello, es interesante que vean los que de fuera vengan, esta España en paz y en orden, como antes dije, digna, por tanto, de unir sus manos a las de otros países, para formar esa «*grandan rondon familian*», esa gran familia a la que alude también nuestro Himno.

Y nada más, Señor. Gracias, muchas gracias por el honor que nos hicisteis aceptando la Presidencia de Honor de nuestro Congreso. Gracias, también, por habernos recibido y escuchado.»

*S. E. el Jefe del Estado Español, contestando a estas palabras, estimuló a los organizadores* a seguir en su doble afán de querer obrar el bien para la humanidad, *y deseó un feliz éxito al Congreso.*

## PREMIO «COMELLA-BASSOLS» - DEKA KONKURSO

*Oni ricevos 2.000 pesetojn por la plej bona gaja rakonto en Esperanto*
kaj 1.000 pesetojn por la dua plej bona, sprita konkursaĵo.

*Ĝeneralaj reguloj*

1.ª La konkursaĵoj havu la amplekson de pro 2000-3000 vortoj.

2.ª La konkursaĵoj nepre estu tajpitaj, kaj oni sendu 4 ekzemplerojn.

3.ª Oni skribu sur ĉiu rakonto pseŭdonimon por kaŝi la identecon de la aŭtoro, kaj — en aparta koverto — sian nomon kaj adreson kune kun la pseŭdonimo.

4.ª La Juĝanta Komisiono, laŭ testamento de Sro. Jacint Comella, (kreinto de la Premio) konsistas el eksterlandaj samideanoj, membroj de U. E. A. kune kun katalunaj juĝantoj.

5.ª La konkursa kotizo, por unu aŭ pluraj rakontoj, estas 10 pesetoj por Hispanio, kaj 4 steloj au 3 respondkukuponoj por eksterlando. Por landoj kie ne estas eble sendi la kotizon, la partopreno estas senpaga.

6.ª Kiam publikiĝos la Verdikto, samtempe estos sciigata la koncerna Juĝantaro.

7.ª La limdato por la ricevo de Konkursaĵoj estas la 30.ªn de Septembro de 1968.

Oni sendu ĉion laŭ la jena rekomendo: Por la Konkurso COMELLA-BASSOLS
S-ro. Francesc Vilá - Sekretario - Klubo Amiko de UNESCO
**Lauria, 12. 1.ª - BARCELONA-10 (Hispanio)**

La 5-an de majo kun belega printempa vetero okazis en Sant Pau d'Ordal la nuna ĉiujara Renkontiĝo de la esperantistoj el la Provinco de Barcelono.

Je la deka matene en la vilaĝo Sant Pau d'Ordal svarmis la gesamideanoj apartenantaj al ĉiuj grupoj de la Provinco ĝuante la belajn vidaĵojn de la tipa vilaĝo kaj tiujn de la fekunda kampara ĉirkaŭaĵo kaj la ebenaĵo Panadés, la kataluna regioneto fame konata pro siaj vinberkampoj, kiuj produktas la plej bonan ĉampanon.

Sant Pau d' Ordal kune kun aliaj vilaĝoj formas la komunumon Subirats kaj malgraŭ tio, ke ĝi ne tiel nomiĝas, fakte estas la ĉefa vilaĝo kaj en ĝi kuŝas la urbodomo.

La esperantista festo komenciĝis per la ĉeesto ĉe la urbodomo en kiu la urbestro S-ro Ramón Bofill Font nome de la Urbestraro de Subirats, la invitanto de la esperantistoj en okazo de la Renkontiĝo, salutis la esperantistojn kaj ofertis resti je ilia dispono.

Post la salutoj ĉiuj aliris por viziti la t.n. Esperanto-Muzeo de S-ro Luis Hernández Izal kaj malkovri la fasadan tabulon kiu nomas ĝin.

La urbestro prononcis kelkajn vortojn per kiuj li diris, ke Sant Pau d'Ordal estas honorigita per la Renkontiĝo ĉar la nomo de tiu ĉi modesta vilaĝo estos vaste internacie konata dank' al Esperanto. Li sciigis, ke ankaŭ li estas infektita de la verda viruso, ĉar —pro tia malsano!— la proksima mardo en lia vilaĝo komenciĝos kurso de Esperanto, kiun li ĉeestos. S-ro Luis Hernández Izal nome de la esperantistoj dankis la urbestron per senta parolo.

Samtempe profitante la okazon estis honorigita la Urbestran Moŝton per bela donaco kaj per diplomo samideanon S. Arnella pro lia merito kiel esperantisto.

Tuj sekve oni ĉeestis la Sanktan Meson, kiun celebris pastro Claramunt kaj predikis pastro Casanoves.

Pastro Casanoves en sia esperanta prediko komentis la duan ĉapitron de la Unua Epistolo de Sankta Petro, kiu temas pri la obeado al la aŭtoritatuloj. Pastro Casanoves klarigis la diferencon inter aŭtoritatuloj kaj aŭtoritato. La aŭtoritatuloj estas personoj kaj la aŭtoritato estas regeco, kiu venas de Dio. La aŭtoritato estas precipe morala potenco kaj la akordiĝo de la aŭtoritatuloj al tiu morala ordo de Dio estas kio rajtigas ilin. Tial ju pli la aŭtoritatuloj respektas la Deklaracion de la Homaj Rajtoj des pli ili rajtigas sian aŭtoritaton.

Pastro Casanoves menciis, ke Esperanto celas plibonigi la homajn rilatojn kaj ke oni ne devas malpacienci tial ke tiu plibonigo nur povas alveni grado post grado, iom post iom, ĉar ne povas alveni ĝustaj rilatoj per revolucio.

—Ni ne devas malesperi nek malpacienci, ni obstine devas iri ĉiam antaŭen, ĉar nia malĝojo pro la foriro de la malbono estas fruktodona. Via malĝojo fariĝos ĝojo. Virino naskas infanon, doloro naskas ĝojon.

Tuj post la Sankta Meso okazis la ĝenerala fotografado. Gin sekvis la eniron en vastan salonon por aŭskulti la paroladon de S-ro Molera kaj samtempe rigardi liajn diapozitivoj. S-ro Molera komencis sian paroladon rimarkante, ke la lingvaj malfacilaĵoj faras, ke la ordinaraj vojaĝantoj, la turistoj, kiuj veturas zorgataj de agentejo, vere ne interrilatas kun la loĝantoj de la vizitataj landoj. Kontraŭe, la esperantistoj kunvivas kun ili kaj tio estas rimedo por kompreniĝo. Se la registaroj enkondukus nun la lernadon de Esperanto en la lernejoj post nur kvin jaroj tiuj malfacilaĵoj tute malaperus.

La prezentado per diapozitivoj de «Vojaĝo tra Eŭropo» estis tre interesa por la esperantistoj kaj eĉ pli por la ĝenerala publiko, kiu povis bone kompreni la praktikan uliton de Esperanto kiel lingvo internacia.

Finita la parolado de S-ro Molera ni kuniĝis en apuda kafejo, kie la Urbestraro regalis la ĉeestantojn per abunda lunĉo. Poste ni iris al proksima strato por la malkovro de la tabulo, kiu nomas straton Zamenhof. La Urbestro post kelkaj vor-

toj al la esperantistoj malkovris belegan marmoran tabulon kies surskribo tekstas jene: Lázaro L. Zamenhof autor de la lengua internacional Esperanto.

Por la frata kunmanĝado ni vojaĝis al la proksima urbo Vilafranca del Panadés. Je la finiĝo de la kunmanĝado nia esperanta poeto S-ro Vilá deklamis ĉe la prezidanteco poemon dediĉitan al la animo de la Renkontiĝo S-ro Luis M.ª Hernández Izal kaj sinsekve okazis la nova ero en la Renkontiĝoj, la konkurso de tradukantoj. Gin partoprenis sukcese S-roj Serrano, Liberto Puig, R. Devis, kaj Tur.

Por la venonta Renkontiĝo oni proponis kaj estis ĝenerale akceptita, la lokon: Les Fonts de Terrassa.

Per gaja surskribado sur la botelojn de «Ĉampano Esperanto» finiĝis tiu ĉi brila 10-an Rekontiĝo de la esperantistoj el la Provinco de Barcelono.

*G. M.*




Denove la Oficiala kaj Internacia Specimen-Foiro de Barcelona eldonis afiŝon en Esperanto.

Ni dankas al la Direkcio de ĉi tiu grava Foirkonkurso lian kunlaboron favore al la Internacia Lingvo; kaj al Sro. S. Aragay kiu tiel afable sendis al ni la afiŝon.

## dezirас korespondi...

HUNGARUJO. — Budapest IV, Espreserdó u. 34, S-ro. Cseri Sandor, ĵurnalisto deziras korespondi pri literaturo, sporto, scienco, ktp.

BULGARUJO. — Sevlievo, str. At. Jatarov 39, Prof. Prodan Prodanov deziras korespondi kaj interŝanĝi revuojn, gramofondiskojn, ktp.

NOVA ZELANDO. — Masterton, 12 Jean Street, S-ino. Dulné Moore, deziras korespondi pri kutimoj kaj moroj kaj ĝenerale pri kulturaj aferoj, edukado kaj uzo de libera tempo.

U.S.S.R. — Taŝkent 47, ul. Marksa 65 kv. 46, Blinder Josif, 16 jaraĝa lernanto de meza lernejo deziras korespondi pri arto, moderna muziko, ktp. kaj interŝanĝi bildkartojn, fotojn de kilmaktoroj kaj ilustritaj revuoj.

BULGARUJO. — Harkoop - Bobordol, S-ro Spas Nikolov Mitov, deziras korespondi pri popolkutimoj, ktp.

GERMANIO. — Dor-214 Anklam - Baustrasse 30. S-ro. Eberhard Scholz, kaj S-ino. Hildegund Scholz, kiuj estas geedzoj, deziras korespondi. Ili. amas la pentritan arton.

# MADRIDAJ MUZEOJ

## PENTRAĴOJ KIUJN VI POVOS ADMIRI EN MUZEO "PRADO" KAJ TOLEDO



*Enterigo de la Grafo de Orgaz.*—Akrepintaj vizaĝoj, trapasantaj rigardoj, kontrasto inter nigraj vestaĵoj kaj orornamitaj survestoj. Supera alegorío kiu vivigas la negajan malsupran vidon. Majstra verko de la Greko.



*La Ŝpinistinoj.* — Unu el la fundamentaj verkoj de Velazkez, eble el la plej similecaj pro ĝia tekniko al la moderna pentrarto.

Impresiistaj trajtoj, aermedio plene atingita.

*La Infanoj de la Konko.* — Murillo perfektega naturalista pentristo, distingiĝis speciale, rilate al la pentrado de infanoj, dikvangaj anĝeletoj, vivoplenaj kaj graciaj, kies atestanta ekzemplo estas tiuj du de la konko; ili satigas sian apetiton antaŭ la apetanta rigardo de la ŝafido.



*La Blinda Kokino.* — (Hispana Popol-ludo). La vivo reakiras sian imperion. Aperas Goya kaj kun li atombombo de la arto, naskiĝas la moderna pentroarto. Tiu ĉi «kokino» malgraŭ ke siaj okuloj estas kovritaj gaje «klokas».
Ĉio ĉi havas odoron de kampo, de virino, de vivo... de Goya.

# OMAĜO MEMORE AL S-ro. SEBASTIÁ ALBERICH JOFRÉ

*Sabaton, la* 18-*an de Majo.* — Okazis omaĝo memore al la neforgesebla pioniro esperantista S-ro Sebastián Alberich Jofré.

S-ro Vilagran malfermis la kunsidon kaj legis telegramon subskribitan de F-ino Inés Gastón, kiu aliĝis al la kunsido kune kun ĉiuj membroj de la estraro de Hispana Esperanto Federacio.

Tuj sekve parolis S-ro Anglada, kiu rememorigis la daŭran kaj intensan agadon de S-ro Alberich por Esperanto. Speciale rememorigis li, la kunlaboradon de S-ro Alberich en la kunsidoj por organizi en Barcelono, en la jaro 1920, la Unuan Diskutantan Kunvenon de Esperantistoj de Iberiaj Landoj kiu, kiel oni scias, estis la unua kunveno el la serio de la poste nomataj Hispanaj Esperanto-Kongresoj.

S-ro Francesc Vilá, priparolis la literaturan verkadon de S-ro Alberich, kaj li legis iom el liaj tradukoj. Daŭrige S-ino Vilagran legis artikolon publikigitan en «Boletín» de HEF okaze de la forpaso de S-ro Alberich, kaj fine S-ro Paluzie parolis al ni pri Alberich kiel profesoro de Esperanto, rimarkigante kiel S-ro Alberich estis partiano de la klasika instruado, t.e., ke li uzis kiel lernolibron la Fundamento de Esperanto kaj Fundamentan Krestomation, agmaniero, kiu meritis laŭdon fare de S-ro Paluzie. Ankaŭ S-ro Chaler el Tarrassa, rimarkigis la grandan amikecon, kiu ĉiam unuigis lin kun S-ro Alberich kaj rakontis al ni kelkajn anekdotojn el lia vivo. Tiuj, kiuj konas S-ron Chaler, bone konas lian ĉarman spritecon pri tiuj aferoj.

Entute ĝi estis kortuŝa soleno, kiun ĉeestis la vidvino kaj la filo de S-ro Alberich kiel ankaŭ liaj fratoj kaj familianoj, krom ankaŭ multaj amikoj kaj geesperantistoj, kio pruvas ke ili ĉiam kore rememoras lin.

*Mari-An.*



# ĈU ESPERANTO TAŬGAS POR PLI BONE PAROLI HISPANLINGVE?

Tute oni ne pretendas ĉi tie demonstri ke por pli bone paroli la hispanan lingvon oni devas antaŭe koni Esperanton.

Mi ĉi tie nur prezentas hispanlingvajn ekzemplojn kiujn simplaj konantoj de la internacia lingvo povus korekti forigante la mis uzon de la dativo kaj akuzativo en ĝiaj hispanaj pronomoj.

1) «*Le* vi y *la dije*».
2) «El pan nuestro de cada día dáno*sle* hoy».
3) «*Le* vi pero no *le* pude convencer ni *la* pude demostrar su error».
4) «Ve a buscar*les* y díse*les*».

Eĉ komencantan esperantisto tradukus:

1) «Mi *ŝin* vidis kaj mi diris *al ŝi*».
2) «Nian ĉiutagan panon donu al ni (*ĝin*) hodiaŭ».
3) «Mi vidis *ŝin* sed mi ne sukcesis *ŝin* konvinki; nek mi sciis demonstri *al ŝi* sian eraron».
4) «Iru serĉi *ilin* kaj diru ĝin *al ili*».

Kaj la sama simple komencanto retradukus:

1) «*La* vi y *le* dije».
2) «El pan nuestro de cada día dáno*slo* hoy» (arkaika tamen hispana dirturno).
3) «*La* vi pero ni *la* pude convencer ni *le* pude demostrar su error».
4) «Ve a buscar*los* y díse*lo*».

La tri unuaj ekzemploj konvenus al novkastiljanoj; la kvara, ankaŭ al aragonanoj.

Bedaŭrinde, sed samtempe feliĉe, nia hispana lingvo havas por la sustantivoj kaj la adjektivoj nur la nomiativon. Aliokaze...?

*E. M.*

## NEKROLOGOJ



# *Enrique Aguadé Parés*

Ha fallecido en Reus, D. Enrique Aguadé Parés.

Antiguo y entusiasta esperantista, mucho contribuyó con su capacidad y prestgio, al explendor del esperantismo en Cataluña. Fue Presidente de la «Kataluna Esperanto Federacio» y en el año 1916 organizó en Reus el 7º Congreso, de la serie de Congresos organizados por dicha Federación regional.

Su carácter amable, le hizo acreedor del cariño y respeto de cuantos le trataban.

Descanse en paz, el gran caballero y buen amigo.

Para su familia, la expresión de nuestro sincero pésame.

---

En la madrugada del día 8 de junio de 1968, falleció en Bilbao don José de Elézcano y Maiztegui, veterano y entusiasta esperantista.

Don José de Elézcano aprendió el Esperanto en Bilbao en el año 1910, siendo por lo tanto uno de los más veteranos esperantistas de la capital vizcaina. Hombre muy religioso, sencillo pero de gran simpatía, gozaba del cariño y respeto de todos. Al poco tiempo de aprender la lengua Internacional, marchó a Méjico en donde desarrolló sus actividades mercantiles, manteniendo frecuente correspondencia con su hermano a quien había instigado para que aprendiera nuestro idioma, correspondencia que sostenían siempre en ESPERANTO.

Su súbita muerte dejó dolorosamente impresionados a los esperantistas bilbainos, como nos ha dejado a nosotros al recibir esta información.

A toda la familia y en especial a su hermano, nuestro querido amigo y compañero, don Manuel de Elézcano y Maiztegui, asiduo colaborador de BOLETIN, enviamos la expresión de nuestro más sentido pésame.

¡Descanse en paz el finado!

---

El día 21 de junio falleció en Zaragoza, D. Emilio Pérez Pérez.

A su familia y especialmente a su hijo Emilio, querido amigo y samideano, enviamos la expresión de nuestro más sentido pésame.

Descanse en paz.

---

## FILOZOFIO DE FANTOMOJ

Jen la titolo de fantazia rakonto de serio «Fantomoj» de W. Fernández Flórez, tradukita al Esperanto de Luis Hernández, kiun Hispana Esperanto Federacio, eldonas memore al nia forpasinta samideano.

Pri FILOZOFIO DE FANTOMOJ ne estas necese ke ni aldonu eĉ unu vorton, la nomo de la aŭtoro sufiĉas por veki en ĉiuj la intereson legi ĝin.

## RESIDENCIA DE LA JUVENTUD EN MONISTROL DE MONTSERRAT



En el último número de nuestro Boletín, correspondiente a mayo-junio de este año, hemos visto una fotografía de la recién terminada, al menos en parte, Residencia Juvenil Esperantista, la cual, según leemos, será inaugurada el próximo día 30 del mes de julio.

Nuestra satisfacción es muy grande al ver terminada esta obra de tanta trascendencia, en nuestra humilde opinión, para el porvenir del movimiento esperantista juvenil en España y, por lo tanto, del movimiento esperantista nacional y... hasta internacional.

Esta clase de Residencias debieran proliferar y desarrollarse a lo ancho y a lo largo de todo el continente europeo, por lo menos. Y otras Residencias, de mayor envergadura y para personas de más edad debieran ser auspiciadas por U.E.A., nuestra asociación organizadora de los Congresos Internacionales,

Pero todo lo daríamos por bien empleado si nuestra U.E.A., organizadora de los Congresos Internacionales y dirigida actualmente, al parecer, por personas eminentemente prácticas, según alguno de los artículos que hemos tenido ocasión de leer y en los cuales se recomendaba proscribiru ocultar la «interna idea» de Esperanto... Todo lo daríamos por bien empleado, repetimos, si U.E.A. se preocupase, además de la propaganda general del Esperanto, según es su deber, de interesarse en la erección de Casas de Descanso para esperantistas, al estilo del famoso Castillo de Gresillón, en lugares de montaña o bien costa atlántica o mediterránea. Esto creo puede ser una idea «eminentemente práctica», según el parecer de muchos esperantistas con quienes he hablado de estas cuestiones.

Y también sería una idea altamente práctica y beneficiosa para el movimiento esperantista que U.E.A. se preocupase de erigir, organizar o tomar fuerte parte financiera en alguna Agencia de Viajes que tuviese como fin concreto, además de las actividades concernientes a tales agencias, el facilitar a todos los esperantistas, o bien únicamente a los que pudiesen ostentar el carnet de adherido a U.E.A., sus viajes, por Europa al menos, de la manera más económica y eficiente posible, efectuando sustanciales descuentos en todos los viajes de esperantistas y, sobre todo, que tuviesen como objetivo la asistencia a actos esperantistas más o menos oficiales.

Nuestra alegría ante la inminente inauguración de la llamada Residencia Juvenil Esperantista en Monistrol de Montserrat, es enorme, así como lo es también nuestra camuflada vergüenza como antiguos dirigentes del también antiguo Grupo Alpino de Esperanto, en Bilbao, que tanta propaganda hizo entre los montañeros de esta provincia de Vizcaya, y aun de las limítrofes, con sus escaladas y excursiones. Pero nuestra ayuda para la construcción de la citada Residencia Juvenil. no ha sido todo lo eficaz y positiva que debiera haber sido, y aun esperábamos algunos, dados nuestros entusiasmos deportivos de tiempos pasados, cuando ya actuábamos como jóvenes conservadores y después, al correr del tiempo, nos hemos convertido en prevectos conservaduros.

ZORTZIGARRENZALE

Bilbao, 17-VI-1968

# NIAJ GRUPOJ



BILBAO. — La 26-an majo okazis la ordinara Ĝenerala Kunsido de la Bilbao-a Esperanto-Grupo. Oni reelektis la saman estraron por la antaŭviditaj preparlaboroj okaze de la, espereble, okazonta VI[a] INTERNACIA GEOGRAFIA SEMAJNO, en Bilbao.

Nuntempe oni preparas la programon kiu, i. a., konsistos el: Tuttaga ekskurso al la Grotoj de Santimaminje en KORTEZUBI (apud Gernika) kiel ankaŭ al la iama vaska forala ĉefurbo mem. La ekskurso daŭrigos tra Mundaka, Portuondo, Ĉaĉarramendi, Bermeo, Maĉiĉako, Sankta Johano de Gaztelugaĉe, Bakio, Mungía, Kastelo de Butrón, Plencia, Barrika, Sopelana, Algorta k. dekstra bordo de l' rivero NERVION.

Ankaŭ okazos alia tuttaga ekskurso al SANTILLANA DEL MAR (Grotoj de Altamira) k. SANTANDER, kun eventuala haltado en TORRELAVEGA. Krom tio, oni aranĝos aparte malgrandajn ekskursojn tra la dekstra bordo de l' rivero NERVION ĝis super la strando de ALGORTA k. al Monto Arĉanda.

Interalie estos prelegoj en esperanto k. hispana lingvo. Vizitoj al la Vaska Etnografia Muzeo k. al tiu de Moderna Arto samkiel al la Internacia Specimenfojro. Kaj memkompreneble Interkona Vespero kaj Balo.

Se eblas, ankaŭ oni aranĝos manpilkan ludon, laŭ vaska maniero, k. vizito al la Baziliko de Nia Sinjorino de Begoña kun eventuala prezentado de vaskaj dancoj.

Laŭ propono de la Prezidanto de nia Bilbao-a Grupo, oni decidis en la lasta Ĝenerala Kundido sendi varman, simpatian k. laŭdan leteron al nia eminenta samediano, la Honora Prezidanto de nia Federacio, D-ro. Rafael Herrero Arroyo kiu tiel malprave k. maljuste estis kritikata k. atakata, lastatempe, de iu Kataluna esperantisto.

Jam de nun oni aranĝas la oficialan ĉiujaran ekskurson tra la najbaraj provincoj, sed ĉijare ĝi ne estos interprovinca ekskurso. Ĝi estos pli mallonga, k. nur interne de nia malgrandeta provinco. Tiamaniere ni povos ĝui sun- k. markanadon dum tri horoj sur la strando de JAKIO, pro tio ke la ordo de l' vojaĝo estos inversa al tiu de la provinca ekskurso dum la VI[a] INTERNACIA GEOGRAFIA SEMAJNO: Bilbao - Algorta - Solepala - Barrika - Kastelo de Butrón - Mungía - BAKIO - S. Joh. de Gaztelugaĉe, Maĉiĉako, Bermeo, Mundaka, Portuondo, Ĉaĉarramendi, Gernika, Bilbao.

Malgraŭ la ege alta kotizo por partopreno de la LIII[a] Universala Kongreso en MADRID, ekzistas granda entuziasmo por la vojaĝo en la hispanan ĉefurbon.

OTARKA

Klubo de Amikoj de UNESKO
Esperanto-Fako
BARCELONO

Resumo de la agadoj organizitaj de la Esperanto-Fako, dum la monatoj aprilo kaj junio ĉi jare:

*Sabaton, la 6-an de aprilo.* — Oni prezentis serion da diapozitivoj pri la norvega ĉefurbo, OSLO. Ili estis senditaj de la Norvega Esperanta Ligo. La titolo «OSLO, la Norvega ĉefurbo — Urbo de arto kaj libertempa paradizo». La diapozitivoj — de belegaj koloroj estis komentitaj en esperanto kaj Kataluna lingvoj. Al la Esperanto-Fako de la Klubo de Amikoj de Unesko, de tempo al tempo plaĉas celebri la agadojn, dulingve — esperante kaj Katalune aŭ esperante kaj Kastile —, ĉar tiel oni konigas al la ĉeestantoj neesperantistoj niajn internaciajn kulturajn kunvenojn, pri la Uneskaj celoj: Edukado, Scienco, Kulturo.

*Dimaĉon, la 7-an de aprilo.* — Organizita de la Esperanto-Fako de la Klubo, kaj en la belega Muzeo de la industria urbo Badalona — kie la Klubo havas filion —, oni okazigis gravan paroladon faritan de filologo, S-ro. Jesús Paluzie Borrell, sub la titolo «El problema lingüístic». Ĉiuj ni scias, ke samideano Paluzie estas aûtentika lingva aûtoritatulo kaj per sia facila kaj alloga parolo, klarigis la strukturon de la esperanta lingvo al multnombra ĉeestantaro. Kiel fina punkto, ankaû rakontis kelkajn anekdotojn travivitajn dum sia longa esperanta vivo.

Post la parolado de S-ro Paluzie, samideano Tomaso Alberich, prezentis la koloran filmon «Vacances a Suïssa» Katalune komentita, kiu estis klara demonstracio de la utileco kaj neceso de Esperanto.

Fine oni disdonis al la ĉeestantoj presaĵfoliojn eldonitajn de «Editorial SOPENA», kiuj enhavis propagandon pri la poŝa vortaro «Lexicón SOPENA», kies aŭtoro estas S-ro Paluzie.

La publiko per longa aplaŭdado montris soian komplezon.

---

*Merkredon, la 16-an de aprilo.* — Ni plezure ricevis la viziton de la japana fraŭlino Shoko Horié, kiu estis prezentita en nia kunveno de gesinjoroj Criach el Sabadell.

Ŝi prezentis al ni belan serion da diapozitivoj pri sia lando, ŝi komentis ilin tre klare kaj simpatie. Poste la ĉeestantoj direktis al ŝi kelkajn demandojn, kiujn ŝi facile kaj inteligence respondis unu post la alia. Sendube ŝi lasis al ni bonegan rememoron kaj ni ĉiuj esperas, ke ŝi denove povos viziti nin.

---

*Sabaton, la 20-an de aprilo.* — Okazis paralado farita de Pastro Manuel CASANOVES, C.M.E., en la ciklo pri «La Unesko kaj la Homaj Rajtoj» la temo de la parolado estis: «Egalrajteco kaj Esperanto en la lumo de la Universala Deklaracio». Pastro Casanoves per sia naturdotita oratora kvalito, faris al la ĉeestantoj diversaĵn klarigojn pri diferencaj punktoj de la Universala Deklaracio kaj ankaŭ komparis ĝin kun la Enciklikо «Pacem in Terris» de la Papo Johano la XXIII-a. Kiel oni povas facile kompreni pro la temo, estis tre profunda parolado kiu forte movis nian konscion.

La ĉeestantaro restis tre kompleza, kaj Pastro Casanoves ricevis multajn aplaŭdojn kaj gratulojn.

---

## VALLADOLID

El pasado día 11 de mayo, el Grupo Esperantista «Fe y Esperanza», de Valladolid, proyectó la película en Esperanto «Encuentro con Fiat» en un centro de Enseñanza Media de nuestra ciudad.

La proyección resultó un éxito, ya que asistieron más de cien personas.

Antes de la proyección, el Presidente del Grupo, Sr. Gil Contreras pronunció unas palabras, en las que resaltó tres ideas fundamentales para comprender la utilidad del Esperanto.

Comenzó hablando del problema lingüístico en las relaciones internacionales, y la conveniencia de implantar el Esperanto para este tipo de relaciones.

Su segunda idea base fue la utilidad del Esperanto, apesar de los que se oponen a él, tachándole de idioma artificial. El Sr. Gil Contreras resaltó que un idioma artificial, pero perfectamente construido, puede ser la solución ideal ante tanto antagonismo lingüístico como hoy existe.

El tercer punto clave fue para hacer ver lo trasnochado que resulta hoy la idea de no querer ver en el Esperanto un adelanto importante de la cultura actual.

Tras una breve reseña biográfica del Dr. Zamenhof, terminó el Sr. Gil Contreras deseando para los pueblos paz y entendimiento común.

Al final de la proyección, se repartieron entre los asistentes, hojas de propaganda en español, sobre Esperanto y otros folletos en esperanto sobre la FIAT.

M. R. URUEÑA

---

## FRATECO ESPERANTO-SOCIETO ZARAGOZA

La veterana Esperanto-Societo de Zaragoza, vigle daŭrigas sian kutiman agadon.

En la kadro de la ĉijaraj aranĝoj organizitaj okaze de la sesdeka datreveno de ĝia fondo, prelegis la,

11-an de majo, — S-ro. Luis Blasco, kiu prezentis DIVERSAĴOJN. De ĉiuj estas konata la spriteco de S-ro. Blasco, se oni aldonas la fluidecon ke li posedas parolante, la tuto havas nomon: AMUZA VESPERO.

25-an de majo, — Sro. Medalón, temo: VOJAĜO TRA EŬROPO. Unu pluran fojon ni povis konstati la taŭgecon de Esperanto en internaciaj rilatoj.

8-an de junio, — S-ro. Eusebio Maynar. temo: POEZIO KAJ VERSFARADO EN ESPERANTO. Interesega kaj vera leciono estis la disertacio de S--ro. Maynar al kiu jam petis lian intervenon por pluraj okazoj.

22-an de junio, — S-ro. Manuel Romero, temo: PACO KAJ AMIKECO. Paco kaj amikeco atinge blaj pere de interkompreno, nome: ESPERANTO.

Varmaj aplaŭdadoj premiis la laboron de ĉiuj prelegintoj.

Unu pluran fojon, ni devas ripeti: Nian gratulon al la Estraro de Frateco pro la organizado kaj nian dankon al ĉiuj prelegintoj.

FRATECANO

Karaj gesamideanoj:

Feliĉe la lastaj detaloj pri la kongreso jam finiĝis:

Akceptoj, kulturaj vizitoj, «Honora Komitato», laborkunsidoj, kongresejo, kies priskribon vi ĉi —sube trovos.

*HONORA KOMITATO*

**Prezidanta Moŝto, S-ro. D. Eugenio López, estinta Nacia Estro de «Frente de Juventudes», kaj Ĝenerala Direktoro de Unua Instruado.**

Lia Moŝto S-ro D. Ricardo Vilar Guix, Urbestro de Tarragono.

Lia Moŝto S-ro D. Luis Zamora Navas, Vicurbestro de Tarragono.

Lia Moŝto S-ino Dña. Carmen Mir Sans, Ĉef. Inspektorino pri Unua Instruado en Tarragono.

Lia Moŝto S-ro D. Joaquín Celma Sanz, Junulara Provinca Delegito.

*KONGRESEJO*

NI REMEMORIGAS AL ĈIUJ KONGRESISTOJ LA JENON:

LA AKCEPTOJ, LABORKUNSIDOJ, ORATORA KONKURSO, PRELEGOJ, LOĜEJO KAJ BANKEDO OKAZOS EN:

«COLEGIO MENOR DEL FRENTE DE JUVENTUDES» (SAN JORGE)

Avenida Pío XII. Tel. 201421. TARRAGONO



*ORATORA KONKURSO*. Partoprenos en ĝi:

F-ino Helen Salmore el Svedujo, temo «La malsato en la mondo».
F-o Hans Michael Maitzen el Austrujo, temo «Junularo protestas».
F-o Valtter Voschitz el Austrujo, temo «La malagrablaj studentoj».
F-o Nikolas Nevan el Ĉeĥoslovakujo (Kies temo estas nekonata).

*INAŬGURO DE ZAMENHOFA-STRATO EN TARRAGONO*

Antaŭ nelonge, la Organiza Komitato ricevis la aprobon de la aŭtoritatuloj rilate la memortabulon honore al D-ro L. L. Zamenhof.

*LASTA INFORMO*

Pro malakordo kun la esperantista laboro de Hispana Esperanta Instituto eksiĝis el tiu Asocio jenaj gesinjoroj:

D. Jaime Aragay (profesoro), D. Salvador Aragay, D. Jorge Gumá, kaj edzino.




# 53ª Universala Kongreso de Esperanto

Okazonta en Madrid de la 3ª ĝis la 10ª, VIII, 1968
Sub la Alta Protektado de Lia Ekscelenca Moŝto
Ĉefgeneralo Franco, Ŝtatestro de Hispanujo

Estu bonvenaj en Hispanujon
La hispanaj esperantistoj atendas vin

ĜIS REVIDO EN MADRID

# POSTKONGRESO EN ZARAGOZA

11-15 Aŭgusto 1968




## PROVIZORA PROGRAMO

11-8-1968
Matene: Forveturo de Madrid kaj vizito al Monasterio de Piedra (Ŝtona Monaĥejo) kaj ĝia mirindega parko, kie ni tagmanĝos.
Vespere: Alveno al Zaragoza kaj loĝado en la hoteloj; libera vespero por ke la partoprenantoj povu ankaŭ fizike ripozi.

12-8-1968
Tuttaga ekskurso al fama monto MONCAYO (2.315 m.) kaj TARAZONA tra la "Vojo de Becquer". Tagmanĝo en Tarazona. Posttagmeze vizito al TUDELA (Navarra regiono), Akcepto fare de la Urbestro de Tudela kaj Folklora Prezentado.

13-8-1968
Matene: Vizito al la urbo kaj Akcepto en la Urbodomo.
Posttagmeze, libera por ke ĉiuj povu iomete ripozi.
Vespere: Distra Vespero.

14-8-1968
Tuttaga ekskurso al la PYRENE-A Montaro. HECHO-SIRESA-OZA.
Reveninte al Zaragoza, ni haltos en HUESCA, kie ni vespermanĝos.

15-8-1968
Matene: Vizito al la urbo.
Posttagmeze: Libera.
Vespere: Komuna Vespermanĝo en tipa restoracio "EL CACHIRULO". Folklora Prezentado.

16-8-1968
Frumatene: **Reveturo** al Madrid. Tagmanĝo en PARADOR NACIONAL DE MEDINACELI.

---

Atentu: Unulitaj ĉambroj, estas nur haveblaj en Gran Hotel kaj en Universitata Restadejo. Prezo en Rest. estas la sama kiel en Hotel Oriente.